VIª jaro. — Nº 70 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 20 Januaro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*





## Dum la lasta duonmonato

La diversaj komisionoj por organizado de la Kongreso de U. E. A. en Augsburg, estas nun elektataj.

La ĉiean viveco de Esperantio pruvas la bonaj rezultatoj de la rebalotado de ĝiaj Delegitoj.

Laŭ la jurnalo " AERO " la fame konata filantropo S-ro Deutsch, de la Meurthe, fariĝis Esperantisto.

## Specialaj Komisionoj

## Nia unua Esperantia Kongreso

Tre ofte okazas, ke Delegitoj aŭ simplaj esperantianoj skribas al la Centra Oficejo de U. E. A. por proponi la kreon de nova servo, aŭ ian ŝanĝon en la Statuto aŭ en la regularoj de la jam ekzistantaj servoj. Ĝis nun, la Komitatano komisiita por la Fako kiun koncernas tiuj proponoj sola pristudis ilin, kaj prezentis pri ili raporton al siaj kolegoj de la Komitato.

Sed, nuntempe, la Fakestroj de Esperantio ne plu sufiĉas por tia tasko. Unue ĉar, kun la konstanta ĝojiga kreskado de nia Asocio, la nombro de la proponoj studotaj fariĝis tiel granda, ke ĉiu el ili trudas laboron tro gravan por izolaj personoj, kaj due, ĉar ekzistas nun en Esperantio multe da membroj kiuj dediĉas al ĝi sian sindonemecon, kiuj havas intereson moralan aŭ eĉ monan en ĝia prosperado, kaj kies konsilojn kaj helpon, laŭ simpla justeco kaj prudenteco, U. E. A. devas oficiale uzadi.

Por tiu celo mi proponas la kreadon de diversaj komisionoj prezidotaj de la koncernataj Fakestroj. Tiuj Fakestroj rondirigos inter iliaj membroj kajeron, sur kiuj ĉiuj komisionanoj donos sian opinion pri la temoj kiuj koncernos ilian kompetentecon. Ili havos ankaŭ la taskon, studadi la demandon submetitajn de niaj membroj al la Komitato, raporti kaj ellabori pri ili projektojn, pri kiuj definitive decidos la Fakestroj.

La membroj de tiuj komisionoj estos elektataj inter la esperantianoj, Delegitoj, Konsuloj aŭ simplaj membroj, kiuj montris, per sia ĝisnuna agado, specialan kapablecon en iu fako. Ili estos elektataj de la koncernata Fakestro, kiu publikigos ĉiujn nomojn en la oficiala jurnalo kaj en la oficiala jarlibro de U. E. A. La elektitoj konservus sian oficon dum la tuta tempo, dum kiu funkcios la dirita komisiono; sed la Fakestro havos, ĉiutempe, la rajton fordanki la tutan komisionon ĉu en la momento kiam ĝia speciala tasko estos finita ĉu en la okazo se li juĝus, ke ĝi ne plu povas taŭge labori.

Tiel do verŝajne estos, en la komenco; sed mi antaŭvidas ke ni iom post iom enkondukos laŭstatute, en tiujn komisionojn, membrojn balotitajn de iuj fakaj esperantaj asocioj aŭ korporacioj, ekzemple, direktantojn de Esperantiaj Entreprenoj por la Komerca Komisiono, k. c... Tio ebligos, ke la interesatoj mem, pli aktive partoprenu en la organizado de la servoj, kiujn ili bezonas kaj uzas.

Inter aliaj utiloj de tiuj komisionoj, mi speciale citos tiun ĉi, ke ĝi permesos pli facile uzi ĉiujn fortojn kaj sindonemojn kiuj estas troveblaj en Esperantio, sed kiuj, ĝis nun, ne ĉiam povis esti eltrovataj. Plie, la laboro farota en la komisionoj montros klare, kiuj el la Esperantianoj plej taŭgas por esti Fakestroj, kaj tiel liveros por la venontaj porkomitataj balotoj, riĉan liston da talentaj homoj.

Tiuj komisionoj estas absolute necesegaj por la bona organizo de la unua kongreso en Augsburg. Ni antaŭvidas ke ni havos tie, verŝajne ses laborajn kunvenojn. Supozante, ke ĉiu daŭros du horojn, oni facile komprenos ke ni povos fari bonan laboron dum ili, nur se la tagordo estos tre klare kaj tre precize difinita kaj se la demandoj estos zorge esploritaj. Propono devos esti enskribata sur la tagordo, nur se ĝi estos ricevita en nia Centra Oficejo, du monatojn, antaŭ la kongreso, tiel ke la koncernata komisiono havu sufiĉe da tempo por ĝin studadi, kaj raporti pri ĝi al la Komitato.

Mi de nun antaŭvidas la neceson de jenaj komisionoj :

1ª *Administrada Komisiono.* — Ŝanĝoj kaj aldonoj en la statutoj. — En tiu komisiono estos bezonataj juristoj kiuj konsentus zorge studadi nian statuton kaj niajn regularojn, tiel ke ili fariĝu speciale kompetentaj pri *Esperantia juro*.

2ª *Kongresa Komisiono.* — Organizado de niaj kongresoj, Regularo de la kunvenoj kaj de la diskutadoj. — Tiu komisiono enhavos aparte la lokan organizan komitaton.

3ª *Financa Komisiono.* — Kontrolado de la kalkuloj, starigo de la buĝeto, kreo de novaj monrimedoj k. c...

4ª *Turisma Komisiono.* — Gvidfolioj, gvidlibroj, vojaĝoj, libertempaj kolonioj, esperantiaj hoteloj k. c...

5ª *Komerca Komisiono.* — Servoj farotaj al la Esperantiaj entreprenoj. Servo de komercaj informoj. Klopodoj al registaroj aŭ al internaciaj institucioj pri pliperfektigo de la poŝtaj, fervojaj k. c. servoj.

6ª *Junula Komisiono.* — Propagando por U. E. A. en la lernejoj, Vojaĝstipendioj. Interŝanĝado de infanoj. Kreo de gimnaziaj kaj studentaj kluboj. Universitataj gvidfolioj, organizo de kursoj pri internaciaj konoj (Komerco, banko, transportiloj, k. c.) per Esperanto.

7ª *Labora Komisiono.* — Dungado, Helpado al vojaĝantaj laboristoj. Mutualismo. Kreo de Labora Fako.

8ª *Virina Komisiono.* — Interŝanĝado de junulinoj. Helpado al studentinoj kaj vojaĝantaj sinjorinoj.

9ª *Esperanto-oficeja Komisiono.* — Organizo de Esp. Of. Rimedoj por instigi ilian kreadon kaj uzadon k. c.

Kiel oni vidas el tiu programo, kiu estas entute la programo de nia Asocio, la laboro mankos nek por la kreotaj komisionoj, nek por la Komitato, nek por la Delegitoj kaj membroj kiuj ĉeestos niajn kunvenojn. Ĉiu Esperantiano kiu havas ian kompetentecon pri la diversaj suprecitaj temoj kaj intencas fari proponojn diskutotajn dum nia kongreso, bonvolu ilin sendi kiel eble plej baldaŭ al la Centra Esperantia Oficejo. Inter la aŭtoroj de la plej bonaj el tiuj proponoj, la Fakestroj elektos, — se kiel mi esperas, ili aprobos nian projekton, — la necesajn Komisionojn por ilin studi, kaj tiel, per tia zorga antaŭpreparado, nia unua Esperantia Kongreso prezentos, pro sia bonordeco kaj seriozeco, aspekton de vera parlamenta kunvenaro, riĉa je ĝojigaj kaj progresigaj rezultatoj.

TH. ROUSSEAU,
*Komitatano de U. E. A.*

# SOCIA VIVO

## JURO

### kiel estas balotata la Brita Parlamento. Kelkaj kutimoj de la balota vivo.

Dum Januaro okazas en Granda Britujo la ĝenerala balotado de la ĉambro de Komunumoj. Estas interese havi kelkajn detalojn pri la sistemo uzata en Britujo, kiu estas sufiĉe komplika. Efektive, pri tio kiel pri aliaj punktoj, la konstitucio ne estis farita en unu fojo ; ĝi estas nur kolekto de leĝoj kaj kutimoj.

La nuna reĝimo datas de 1832. Antaŭ tiu epoko la nombro de la deputatoj estis fiksita en fantazia maniero. Tio venis precipe de la plena transformiĝo de Britujo, kiu antaŭe agrikultura lando fariĝis industria. Urboj kiel Manchester, Birmingham fariĝis tre gravaj, kaj malgraŭ tio la antaŭa sistemo de reprezentado daŭris. Grandaj urboj havis neniun deputaton, dum malgravaj dezertiĝintaj urbetoj nomitaj « putritaj urbetoj » sendis unu aŭ du. Tiu sistemo ĉesis en 1832.

Laŭ la nunaj leĝoj la Komunuma ĉambro estas balotata por 7 jaroj ; ĝi enhavas 670 deputatojn, el kiuj 465 por Anglujo, 103 por Irlando, 72 por Skotlando, 30 por Wales. En ĉiu lando la deputatoj estas dividataj laŭ trispecaj balotrondoj : urbaj balotrondoj, kamparaj balotrondoj, universitatoj. Por esti balotantoj, diversaj kondiĉoj estas bezonataj. En la urboj estas balotantoj ĉiuj burĝidoj ĝuintaj voĉdonrajton antaŭ 1831, la bienuloj aŭ luantoj okupantaj de unu jaro nemeblitan ĉambron aŭ pagintaj la imposton de la malriĉuloj, fine la luantoj ĉe meblitaj domoj, kiuj estas de unu jaro en loĝejo, kiu senmebla valoras 100 Sm. jare. En la kamparoj estas balotantoj diversaj bienuloj kaj luantoj laŭ sufiĉe komplikaj sed larĝaj kondiĉoj. En la Universitatoj, estas balotantoj jen la agregatoj, studentoj kaj diplomitoj, jen la profesoroj kaj « majstroj » ; la reguloj varias laŭ la universitatoj.

Ĉiuj balotantoj devas esti anglaj, dudek, unu jaraj minimume, libere disponi sian bienon. En 1891 leĝo donis la voĉdonrajton al ĉiuj, kiuj simple povas pruvi, ke ili posedas hejmon. Ĉiuj anglaj regnanoj estas elekteblaj, escepte pro neindeco civila aŭ pro sia ofico, k. e., liverantoj de la registaro. Laŭleĝe la kandidatoj garantias sumon da 1.000 Sm. por la bolotelspezoj. Parlamentano elektita je salajrata ofico devas eksiĝi, sed sen tio li ne rajtas eksiĝi. Estas notinde, ke ĉiu regnano povas voĉdoni en pluraj balotrondoj se en ĉiu el ili li plenumas la necesajn kondiĉojn ; ekz. urbano posedanta bienon en la kamparo povas voĉdoni en urbo kaj kamparo. Li povas tion fari tiom pli facile, ke la balotado ne okazas la saman tagon en la lando. La kandidato kiu ne havas konkuranton estas elektata senbalote. La balotoj ĉiuokaze estas farataj nur je relativa plimulto.

Plej ofte la Komunuma ĉambro estas forpermesata de la reĝo antaŭ la sepjara periodo. Tiu privilegio apartenas ekskluzive al la regnestro. La tagoj de la balotado estas elektataj de la « returning officiers », sed la registaro rajtas difini en kiuj balotrondoj komencos la balotado. Per tio ĝi influas, ĉar la registaro ĝenerale komencigas la balotadon en la regionoj por ĝi favoraj, esperante, ke la aliaj pli dubaj sekvos. Post la kunvoko de la balotantoj la kandidatoj enskribiĝas ; ĉiu devas esti proponata de almenaŭ dek regnanoj. Kiel dirite balotado okazas nur se estas pli ol unu kandidato ; ĉirkaŭ 200 deputatoj estas elektataj senbalote, ĉar ili estas solaj kandidatoj.

La necesega helpanto de la balota batalado estas la « canvass » ; ĝi estas viro aŭ virino — ĉar la virino aktive partoprenas en la balotoj — kiu havas la taskon kolekti kiel eble plej multe da voĉoj por sia mastro, disdoni prospektojn kaj voĉdonilojn, esti ĝentila, afabla al ĉiuj.

Per sia fervoro, la « canvass » iafoje okazigas komikajn scenojn. Ekzemple, oni citas kandidatedzinon, kiu promesis kison al kiu voĉdonos por ŝia edzo ! Cetere, la balotaj kunvenoj estas trankvilaj kaj ĝentilaj. Fine, alvenas la granda tago : oni voĉdonas de la sepa matene ĝis la oka vespere ; la voĉdonado estas ne sekreta,

La ofico de deputato estas sensalajra ; tamen la « speaker » aŭ prezidanto ricevas 50.000 Sm. jare. Tia estas la sistemo angla, kiu prezentas diversajn malsamajojn kompare kun la sistemoj de la aliaj parlementaj landoj.

W. K. (London).

## KOMERCO

### La progreso de la eksterkomerco en Japanujo

La grava oficiala verko « Kompara Statistiko de la Eksterkomerco dum 41 Jaroj » jus eldonita de Financa Departemento estas bona fundajo por pripensi, kiamaniere nia eksterkomerco disvolviĝis depost la unua jaro de Meiĝi, kaj donas al ni ankaŭ multajn instruojn por la estonto.

I-e. — Ĝi rimarkigas nin pri la mirinda progresado en la sumo de eksportoj kaj importoj. En la I-a jaro de Meiĝi (1868) eksportoj de Japanujo sumis nur Sm. 15,553,473 en valoro, kaj importoj Sm. 10,693,072, kune Sm. 26,246,545. Sed en 1908, la sumo de eksportoj estis Sm. 378,245,673 kaj de importoj Sm. 436,257,462, entute Sm. 814,503,135. Tio ĉi montras, ke la eksportoj plimultiĝis dudek-kvaroble, la importoj kvardekoble, kaj la tuta interkomerco tridek-unuoble. Kaj escepte dum la jaroj, en kiuj okazis grava konfuzo en la regno (ekzemple : la Formosa almilitado de 1874, la enlanda malpaco de 1877 k. t. p.) la eksterkomerco ĉiujare faris regulan progresadon. Sed ni devas pripensi, ke tiu rapida kaj regula progresado precipe devenas de tio, ke nia eksterkomerco nur malmulte havis rektan interrilaton kun la monda komerca movado ; tial, en la lastaj jaroj post la militado de 1904 — 5, en kiuj prosperis rektaj eksportoj kaj importoj sen pero de alilandaj negocistoj, ĝi tuj ricevis fortan ekbaton pro la paniko de la ekonomia rondo de Ameriko kaj pro la malbonrikolto kaj malkariĝo de arĝento en Ĥinlando, k. t. p. De nun kompreneble nia komercado estos ĉiam tuŝita de la komercaj cirkonstancoj de la mondo, kaj estas dubinde, ĉu ĝi povus daŭrigi por ĉiam la progresadon tiel same, kiel en la estinto. Krom tio, en la pasintaj jaroj Japanujo precipe eksportis krudajn produktaĵojn kaj importis fabrikaĵojn, sed pli malpli frue tia primitiva maniero de komercado devas esti ŝanĝita, kaj sendube en ĉiuj punktoj fariĝos grava ŝanĝo ; ni do ne povas konkludi pri la estonto nur de la estinto. Nune, la sumo de eksterkomerco de Japanujo viciĝas je la 14-a rango en la mondo, kaj ĝia porcio por unu persono estas je la 24-a. Por ke ĝi povu konkuri kun tiu de ĉefaj gravaj landoj, ĝi devas kreski dekfoje pli granda, kaj ni povas diri, ke nia eksterkomerco ankoraŭ ne estas en stato kontentiga.

2-e — En tiuj 41 jaroj tute ŝanŝiĝis la stato de komerchavenoj. En la unuaj jaroj de Meiĝi, Yokohama, Kobe, Nagasaki, Hakodate kaj Niigata estis nomataj « Kvin Komerchavenoj » kaj la eksportoj kaj importoj de Japanujo estis farataj nur en tiuj kvin havenoj kaj en Osaka. Ĉe ĉiuj tiuj havenoj, escepte en Niigata, la eksterkomerco grade progresis. Tamen de tempo, kiam estis malfermitaj du aliaj havenoj Shimonoseki kaj Hakata en 1885 kaj poste Moĵi, Karatsu, Kuchinotsu kaj ceteraj havenoj, grava ŝanĝo okazis en la vico de komerchavenoj. En 1908, laŭ la sumo de eksportoj ili ordiĝis kiel jene :

Yokohama. Kobe, Osaka, Moĵi, Shimonosefii, Wakamatsu, Shimizu, Nagasaki, Tsuruga, Otaru, Nagoya, Kuchinotsu, Yokkaichi k. c.

Kaj laŭ la sumo de importoj :

Kobe, Yokohama, Osaka, Moji, Nagasaki, Yokkaichin, Murora, Taketoyo, Otaru, Shimonoseki, Tsuruga, Niigata, Shimizu k. c.

La eksportoj kaj importoj de Nagasaki, la plej malnova komerchaveno malfermita al alilando, kreskis nur per 50 0/0 da plimultiĝo kompare kun la unuaj jaroj de Meiĝi, dum ĉe la novaj havenoj Moĵi, Taketoyo, Yokkaichi, Tsuruga, Shimizu k. c. nia eksterkomerco kreskis mirinde tre rapide. La sumo de eksterkomerco de Yokohama, en tiuj 41 jaroj fariĝis dekoble pli granda, tiu de Osaka kvinoble, kaj de Kobe kvaroble, kaj nuntempe ekzistas pli ol 10 havenoj en-kaj-eksportantaj jare 2 milion *yen* en valoro. Tia leviĝo kaj falo de havenoj precipe dependas de apero aŭ ĉeso de novaj produktaĵoj kaj perfektiĝo aŭ ne de interkomunikigilo, kaj ni estas konvinkitaj, ke eĉ haveno nature tre favorita ne povas prosperi, se oni ne penas ĉiam ĝin progresigi.

3-e. — La interkomerco kun ĉiuj traktitaj landoj ĝenerale progresis laŭ la vastiĝo de nia komerca limo, sed la proporcio de progreso estis tre diversa, kaj sekve la vico de tiuj landoj tute ŝanĝiĝis. En la unuaj jaroj ni havis traktitajn landojn nur ses, t. e. Britujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Ĥinujo, kaj Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj, sed en 1908 ni jam havis 34 da ili.

La eksportoj al Britujo en 1873 sumis nur Sm. 5,600,000, tamen Britujo tiam estis la ĉefo de la aĉetantoj de Japanaj komercaĵoj ; la aliaj viciĝis laŭorde : Ĥinujo, U. Ŝ. A., Francujo, Italujo kaj Germanujo. En 1908 la vico de ĉefaj aĉetantaj landoj estis kiel jene :

1. Unuigitaj Ŝtatoj A. — 2. Ĥinlando. — 3. Francujo. — 4. Koreujo. — 5. Britujo. — 6, Hongkong. — 7. Kwangtung (Sud-Manĉurio). — 8. Brita Hindujo. — 9. Italujo. — 10. Germanujo. — 11. Markolaj Kolonioj (Malajo). — 12. Aŭstralio.

Eksportoj al Unuigitaj Ŝtatoj en 1908 sumis Sm. 121,990,000, kaj en la lastaj 30 jaroj plimultiĝis dudek-naŭoble. Tiuj al Koreujo tre rimarkinde progresis kaj en la 25 jaroj de 1884 — 1908 la sumo pligrandiĝis naŭdek-unuoble. Kaj al ĉiuj 12 supercititaj landoj ni eksportis po pli ol 5 milion Sm. en valoro (tio egalas kun la eksportoj al Britujo en 1873). Pro la fakto ni vidas, ke nia eksterkomerco kreskas laŭ la disvolviĝo de la nacio ekster la patrolando, ĉar en Koreujo, en Kwantung, en Havajo aŭ en Sud-Ameriko, la plejmulto el aĉetantoj de niaj komercaĵoj estas japanoj mem.

La landoj, de kiuj ni aĉetas, en 1873 estis laŭorde Britujo, Ĥinlando, Francujo, U. S. A. kaj Germanujo ; kaj de Britujo, la ĉefa aĉetato de ni, tiam ni importis nur Sm. 11,900,000 en valoro. En 1908 niaj gravaj aĉetaoj viciĝis kiel jene :

1. Granda Britujo. — 2. Unuigitaj Ŝtatoj A. — 3. Ĥinlando. — 4. Brita Hindujo. — 5. Germanujo. — 6. Nederlanda Hindujo. — 7. Koreujo. — 8. Kwangtung. — 9. Franca Hindujo. — 10. Belgujo. — 11. Francujo. — 12. Egiptujo.

Kaj en tiu jaro, de Britujo ni aĉetis Sm. 107,800,000 en valoro, t. e. la naŭoblo de la sumo de 1873, kaj estis 8 landoj, de kiuj ni importis po pli ol 10 milion Sm. en valoro. Nia aĉeto de Francujo nur duobliĝis en tiuj ĉi 36 jaroj, sed tiu de Unuigitaj Ŝtatoj pligrandiĝis sepdek-sesoble, de Germanujo dudek-trioble kaj de Brita Hindujo ja ducent-sesdekoble. Tiu ĉi mirinda plimultiĝo de nia importo de Hindujo devenas de la ĉiam kreskanta postulo por kruda kaj senkernigita kotonoj, kiuj ĉe ni estas materialo por fabriko kaj reeksporto. La importo el Britujo rilate ne progresis, kaj la ĉefa kaŭzo estas konkurenco de Ameriko kaj Germanujo, — britaj feraĵoj kaj ŝtalaĵoj, lokomotivoj kaj vagonoj estis grade anstataŭitaj de tiuj el Ameriko kaj Germanujo. Nun en Japanujo ĝenerale malkreskas postulo por fabrikaĵoj, kaj kontraŭe grade pligrandiĝas postulo por krudaj materialoj. Sendube tiu ĉi inklino ankaŭ kaŭzis la rapidan plimultiĝon de importoj el landoj produktantaj krudaĵojn kaj la rilatan malpliiĝon de tiuj el landoj, kiuj precipe liveras fabrikaĵojn.

4-e. — Rimarkinda ŝanĝo okazis ankaŭ ĉe komercaĵoj. Ĉirkaŭ 1880, rizo kaj aliaj grenoj estis niaj ĉefaj komercaĵoj eksportataj, sed nun ili fariĝis unu el la plej gravaj importaĵoj, kaj la valoro de grenoj enportitaj en 1904 atingis 73 milion *yen*. Kvankam importo de grenoj estas tre ŝanĝema, tamen, ke la enlanda provizo de ili ĉiujare mankas, estas nedisputebla fakto. Fantaziaj objektoj ankaŭ estis unu el la ĉefaj eksportaĵoj en la unuaj jaroj, sed nun ni ne vidas progreson ĉe ili. Eksporto de lakitaĵoj preskaŭ ne progresis de dek jaroj, eĉ nun ĝi montras malkreskon. Kontraŭe, eksporto de marproduktaĵoj kreskis ĝis sepoblo ; eksporto de *ŝojn* kaj *sake* ankaŭ multe pliiĝis kaj la celitaj lokoj ĉefe estis Koreujo, Havajo kaj ceteraj landoj, en kiuj loĝas multaj japanoj. Jaron post jaro progresis eksporto de kruda silko, silkaĵoj kaj kotonaj ŝtofoj, kaj ili fariĝis la plej gravaj eksportaĵoj de Japanujo. La valoro de kruda silko eksportita en 1908 estis Sm. 117,200,000. Jen ĉefaj komercaĵoj ordigitaj laŭ la sumo de eksporto en 1908 :

Kruda silko, silkaj ŝtofoj, kotonaj ŝtofoj, kupro, ŝtonkarbo, teoj, alumetoj, porcelanoj, trikaĵoj, kruda kanabo, desegnitaj mataĵoj, kamforo, ŝipoj, pajloplektaĵoj.

Kaj eĉ la pajloplektaĵoj sumis Sm. 3,200,000. Kupro ne pliiĝis en kvanto, sed nur la valoro rimarkinde plikariĝis. Alumetoj restis preskaŭ senprogresaj de dek jaroj. Unuvorte, en la unuaj jaroj niaj ĉefaj eksportaĵoj estis nur senkonkurencaj, al ni specialaj produktaĵoj, sed lastatempe tiaj komercaĵoj grade malmultiĝis ĉe nia eksterkomerco, kaj nun ĝi grandparte konsistas el komercaĵoj konkurataj de ĉiuj landoj.

Ĉe importoj, unue ni vidis nur malgrandajn « fremdajn komercaĵojn », sed poste grade plimultiĝis importoj de feraĵoj kaj drogoj, kaj drogoj importitaj en 1908 valoris Sm. 18,570,000. Petrolo, paperoj kaj koloriloj ankaŭ tre pliiĝis ; paperaĵoj importitaj en 1908 valoris Sm. 6,380,000. Ferlado kaj vitroplato, kiuj estis antaŭe ĉefaj importaĵoj, kompare ne pliiĝis. Vagonoj, ŝipoj kaj horloĝoj ankaŭ ne plimultiĝis pro la progreso de enlanda fabrikado. Interalie mirinda plimultiĝo de importo ni vidiĝas ĉe grenoj kaj sterkoj ; la valoro de importitaj sterkoj kvardekoble pliiĝis en la lastaj 30 jaroj kaj sumis en 1908 Sm. 43,500,000. La ĉefaj komercaĵoj enportitaj en 1908 laŭvalore ordiĝas kiel jene :

Kotono, fero kaj ŝtalo, rizo, olerestaĵo (sterko), sukero, ŝaflano, soja fabo, trikaĵoj, faruno, drapoj, drogoj.

Kotono, la unua importaĵo, sumis Sm. 109,000,000. Ĝenerale niaj importoj estas en tre bona stato, ĉar ni vidas ĉe ili inklinon de plimultiĝo de krudaj komercaĵoj, kio montras la progreson de niaj industrioj. Sed la plimultiĝo de importo de grenoj kaj aliaj manĝaĵoj estas bedaŭrinda.

Ĉis nun la enirimpostoj de Japanujo estis tre malaltaj, kaj nia eksterkomerco faris tiun ĉi progreson sen grava ŝtata protekto, preskaŭ en la maniero de libera komercado. Tio pruvas, ke la nacio mem havas la povon disvolvigi sian eksterkomercon. Jam estas la fakto : certe ni povas esperi bonan estonton.

*Japana Esperantisto.*

## GEOGRAFIO

### Landa statistiko pri la fervojoj

Ni faru iom da statistiko kaj vidu, kio nuntempe estas tiu admirinda fervoja industrio, kiu ne estas ankoraŭ jarcenta.

Ĉu oni imagas ke la longeco de la normalaj fervojoj estis, en 1907, por la tuta terglobo 957 2 8 kilometroj. La kosto de tiu longega fervojaro atingis 100 miliardojn da Sm. Fakto ofte nekonata estas, ke la pligranda parto de tiuj fervojoj estas en Ameriko (487 506 kilometroj) ; Usono sola posedas 369.991 kilometrojn, t. e., 49.000 kilometrojn plie ol tuta Eŭropo. Azio kalkulas 90.557 kilometrojn, Afriko 29,798 kaj Aŭstralio 28.592.

En Eŭropo la proporcioj estas jenaj :

| | |
|---|---|
| Rusujo, | 58 385 km. |
| Germanujo, | 58.040 — |
| Francujo, | 47.823 — |
| Aŭstrio-Hungarujo, | 41.605 — |
| Granda Britujo, | 37.150 — |
| Hispanujo, | 14.850 — |
| Svedujo, | 13.392 — |
| Aliaj landoj, malpli ol | 10.000 — |

En Angla Hindujo estas 48.106 km., en Kanado 33.125 ; en Argentino 22.004, en Meksikujo 21 906, en Brazilujo 17.243.

El la vidpunkto de la longeco komparita kun landa amplekso, Belgujo havas la unuan rangon (26.600 km. po 100 kvadratkilometroj), dum Francujo havas por la sama surfaco nur 11 km. kaj Rusujo 1.100 km.

Alia statistiko : se oni komparas la longecon de la fervojoj kun la landa loĝantaro, oni konstatos, ke la ŝtato Queensland

Aŭstralio) havas 113 km. por 10.000 loĝantoj, Usono 43 km. centra Eŭropo 10 km., Rusujo 5.200 km, Italujo 5.100 km., Svedujo 2.400 km. La meza cifero por Eŭropo estas 3.300 km. por 100 kvadratkilometroj kaj 8.200 km. por 10.000 loĝantoj.

V. L.

### Usona mirindajo : la nova urbo Gari

Sur la bordo de la grandega lago Miĉigano, apud la urbego Ĉikago, staras unu el la plej remarkindaj urboj en la mondo. Rigardante tiun ĉi urbon oni ekmemoras la mirigajn fabelojn de Arabaj Noktoj en kiuj oni legas kiel la bastoneto de magiisto aŭ la ordono de genio ekzistigis sekunde mirurbon mirindan per sia belegeco, perfektan per sia pleneco. Ĉar efektive ŝajnas ke Gari, la urbo pri kiu mi skribas, estas vere la verko de iu magiisto.

Kie hodiaŭ staras Gari, tri jarojn antaŭe troviĝis nur vasta stepo, sablaj montetoj kaj homevitema lagbordo. Sed alvenis la magiisto, la grandega kaj fortega Usona Ŝtala Korporacio, kaj flirtigis la magian vergeton, kaj vidu! kie tiam la arbetaro subfleksis sub la blovegoj oni nun vidas urbon je larĝaj stratoj, altaj konstruaĵoj, tramveturiloj, parkoj, popolamasoj; kie tiam la sablaj montetoj konstante sin aliigis kaj glitis nun staras grandegaj ŝtalfabrikejoj kies forĝejoj kaj fandaj fornegoj fajrbrilas kaj flamas tagon kaj nokton; kie tiam frapegis la ondoj sur dezertan bordon nun lagveturas la ferŝipoj portantaj la minaĵojn el la malproksima Superior al la fornegoj.

En la jaro 1906 la Usona Ŝtala Korporacio, la plej granda fabrikanta kompanio en la mondo, apartigis la monsumon da 150,000,000 Sm. por la konstruo de nova ŝtalfabrikejo. Pro la oportuneco je la karbminejoj kaj la ferŝtonminejoj, pro la centreco de la vendejoj de la lando, kaj pro la facilaĵoj rilate al la transportado de la finitaj produktaĵoj, ambaŭ fervoje kaj ŝipe, la kompaniestraro elektis kaj aĉetis terpecegon sur la sudbordo de Lago Miĉigano apud Ĉikago proksimume de sesdek kilometroj. Tuj oni komencis konstrui urbon. Ĝi devas estis perfekta urbo, moderna kaj modela; ĉiuj stratoj devas esti uniformaj rilate al larĝeco, kaj ili devas transpasi unu la alian je rektaj anguloj; ĉiuj aferkonstruaĵoj devas esti unuformaj altece kaj ankaŭ laŭlinie rilate al la trotuaroj, kaj kvankan ne estas postulate ke la loĝejaj domoj estu uniformaj kaj similaj ankoraŭ oni devas sekvi specifitajn regulojn rilate al la situacioj, la formoj kaj la beleco de la konstruaĵoj.

Oni konstruis rapidege kaj hodiaŭ troviĝas en Gari ne malpli ol 30,000 loĝantoj konstantaj, kaj en tiu ĉi magia urbo oni ne serĉas vane teatrojn, bankojn, parkojn, bibliotekojn, fine ĉion kiun oni trovus en malnova urbo. Tamen tiu ĉi stato reprezentas nure la komencadon de la granda laboro, ĉar efektive antaŭ la kompletigo de la urbo eksterdube sin trovos en Gari pli ol 100,000 da loĝantoj konstantaj.

Dume apud la urbo mem amasego da laboristoj konstruis grandegan ŝtalfabrikejon. El la sablaj montetoj kreskis magie kamentubegoj el kies kavajoj jam hodiaŭ elrulas la nigraj fumnuboj de la fandaj fornegoj; ŝtalkonstruaĵoj suprenrampis al la ĉielo kaj jam eksonegas la tondroj de la fabrikmaŝinoj kaj la gasmaŝinoj en la lamenejoj kiuj senĉese tagon kaj nokton fabrikas la fandaĵojn en relojn por la fervojoj kaj tramvojoj, en strukturajn formaĵojn por la konstruado de pontoj, ŝipoj, la amerikaj nubskrapistoj, k. t. p.

Por doni malgrandan ideon al la leganto de tiu ĉi artikolo pri la grandeco de la Gari-a fabrikejo estas sufiĉe diri ke troviĝas tie dekses fornegoj por la fandado de la ferŝtono mem. Ĉiu fanda fornego produktas ĉiutage proksimume 450 tunojn da kruda fero (oni nomas ĝin « porkfero » en Ameriko kaj en Anglujo). Sekve la suma ĉiutaga produktado de la krudfero estas proksimume 7.200 tunojn. Troviĝas 84 fornegoj por la rafinado de la krudfero en ŝtalon. El tiuj ĉi fornegoj ĉiu produktas ĉiutage 150 tunojn da rafinita ŝtalo, aŭ sume 12.600 tunojn da ŝtalaj fandaĵoj ĉiutage. La relfabrikejo kiu forĝas la fandaĵojn en relojn por la fervojoj kaj tramvojoj produktas ĉiutage proksimume 4.000 tunojn. Aliaj fakoj produktas similgrade.

Ĉe Gari la plej bonaj elstaraĵoj de la mondfabrikejaro estas kolektitaj kaj pligrandigitaj. La plej spertaj kaj lertaj metiistoj kaj inĝenieroj de la mondo estas konsultitaj kaj invititaj al la konstruo de la plej granda ŝtalfabrikejo. Ignorante elspezadojn, ignorante antaŭaĵojn je la konstruo de urboj kaj fabrikejoj, la kompaniestraro antaŭeniris, konstruante fabrikejon, havenon, kaj urbon precize laŭ ordone.

Ekzistis ĉe Gari en la komenco de la laboro neniu haveno ajn, ne eĉ haveneto, kaj tial estis necese skrapegi fluujon de la lagbordo al la fornegoj. Tion oni faris konstruante kanalon du kilometrojn longe kaj tri cent metrojn larĝe, en kiu kanalo estis konstruata plilarĝigita pelvo por la turnigado kaj la manovrado de la grandegaj ferŝipoj iuj el kiuj havas du cent metrojn da longeco. Tiuj ĉi ŝipegoj portantaj 10,000-15,000 tunojn da mineralaĵoj senŝarĝiĝas je du aŭ tri horoj tiel perfekta kaj fortega estas la senŝarĝiga maŝinaro.

La superegiga ekonomio ĉe Gari staras je ĝia mova forto pro tio ke oni uzas la fornegajn gasojn antaŭe absolute perditajn. La mova forto uzata en ĉiuj Gariaj fabrikejoj devenas nur de elektraj maŝinoj kaj gasmaŝinoj. La vapormaŝino ne estas uzata. Dum la fandado de la mineralo kvantegoj da gasoj produktiĝas kaj tiuj ĉi gasoj estas alkondukataj al la gamaŝinoj kie ili eksplodiĝas en la cilindroj de la maŝinoj. Kompreneble por komencigi la movadon de la maŝinaro antaŭ ol la gaso formiĝas estis necese ke oni uzu vapormaŝinon, sed nuntempe tiu ĉi maŝino fortega kaj altvalora staras senutila kaj konjekteble neniam ĝin oni ree uzos.

La Bessemera procedo por la produkto de la ŝtalo el la krudfero ne troviĝas ĉe Gari; oni uzas nur la Siemens-Martinan procedon, pro tio ke la pli valoraj fermineraloj de la Superioraj regionoj estas preskaŭ konsumitaj, kaj tiuj kiujn nuntempe oni eltrovas tie ne estas taŭgaj por la Bessemera procedo. Fermineraloj riĉaj je la elemento fosforo ne estas taŭgaj por la Bessemera procedo escepte kiam la fosforo supersufiĉas kiam, tiaokaze, ĝi anstataŭos la silicion kiu estas la hejtilaro por la rafinado de la fero en la ŝtalon, kaj oni povas uzi la Bessemeran procedon je altfosforozaj mineraloj. En Ameriko troviĝas nur la acida-Bessemera procedo sed en Germanujo kaj en aliaj Eŭropaj landoj troviĝas la baza-Bessemera procedo.

La urbo Gari mem nek estas posedata nek estas regata de la korporacio. La establado de urbo ĉe tiu loko estis nura okazaĵo en la historio de la laboro de la kompanio. Tiu korporacio estas interesata sole je la fabrikado de la ŝtalaĵoj kaj tute ne je la regado de urboj. La estraro aĉetis la terpecon, faris kelkajn leĝojn pro la estonteco de la urbo, kaj vendis la terparcelojn al kiu ajn deziras aĉeti. La laboristo povas posedi sian domon sendepende aŭ li povas lui leĝejon de la kompanio kiu kredeble tenas domkonstruaĵojn por lui kaj por vendi, aŭ de aliaj posedantoj : tio estas lia propra afero. Gari ne estas simila al la urbo Puldman kie la kompanio posedas la tutan urbon dum la laboristo posedas nenion ajn escepte siajn moveblan posedaĵon.

La sumo komence apartigita da la korporacio, nome 150,000,000 Sm. ne estas sufiĉa por plenumi la laboradon, kaj estas dirate ke jam oni estas elspezinta pli ol 200,000,000 Sm. kaj ankoraŭ la celo ne estas atingata. Novaj firmoj estas elektantaj Gari'n allogitaj tien per la belega estonteco de la urbo. Oni certiĝas ke je 1911 100,000 loĝantoj troviĝos en Gari, kaj tiu akiraĵo figuriĝos la laboradon de nur kvin jaroj. Jen estas miregurbo.

H. Hall (Cleveland).

## PEDAGOGIO

### La rusaj junulinoj kaj la superaj studoj
### Kiel vivas la rusaj studentinoj

En Rusujo oni nun konstatas strangan fenomenon. La lando estas unu el la plej malkleraj de Eŭropo rilate al la popola instruado. La procento de la analfabetuloj neniam estas sub 50 0/0 kaj iafoje laŭ la gubernioj atingas 80 0/0. La kamparaninoj, kiuj reprezentas la 3/4 de la virina loĝantaro, scias nek legi nek skribi. La loĝantaro, jam malriĉa — tion pruvas la 10 miliardoj da Sm. prunteprenitaj fremdlande — suferis la militon, politikan revolucion, malbonajn rikoltojn, malsaton, epidemiojn, kaj tamen, en tia medio ŝajne tiel malfavora por la popola instruado, do ankaŭ por la supera instruado, enradikiĝis kaj multobliĝis kun vere mirinda rapideco la kursoj por junulinoj. Peterburgo kaj Moskvo posedas tre multajn, tre variajn kaj tre vizitatajn kursojn. La aliaj universitataj urboj (1) sekvas tiun ekzemplon kaj de Varsovio ĝis Tomsk, de Helsingfors ĝis Odessa, Rusujo kovriĝas je institucioj por junulinoj. Kial la junuloj donas tian ekzemplon? Kio ilin allogas? Kiel ili, malgraŭ sia manko de rimedoj, organiziĝas por ilin skvi?

La duagrada instruado de la junulinoj en Rusujo iel antaŭis kaj naskis la superan instruadon. De 1764, Katarino II fondas edukejon por nobelinoj en Peterbrugo; ĝi estas la unua oficiala junulina lernejo en Rusujo.

Poste la edzino de caro Paulo 1a inaŭguris institutojn iel similajn al okcidentaj monaĥinejoj; severa reĝimo, milita disciplino, suprajaj konoj, krom por franca lingvo. Tiaj edukejoj ekzistas ankoraŭ. En la mezo de l' XIXa jarcento la registaro kreis liceojn kun pli progresema spirito. Ĉar tiuj institutoj tute ne sufiĉis por la bezonoj de la mezaĝa klaso, fondiĝis multegaj privataj junulinejoj, kiujn kontrolas la ŝtato. Frue oni por tio bezonis instruistinaron. De 1803 kelkaj lernantinoj de la Peterburgaj kaj Moskvaj edukejoj estis elektitaj por formi novajn instruistinojn. Ĝi estis la unua provo por la pedagogia edukado de la junulinoj, kies ideo plivastiĝis post la liberigo de la kamparanoj en 1861. Samtempe kun tiuj provoj oni rimarkas movadon por medicina instruado de la virinoj. Sed la ĝenerala impulso kaj la praktikaj realigoj komencas en la dua parto de l'XIXa jarcento. De 1857 ĝis 1875 superaj kursoj penis ekzisti en Peterbrugo; jen duseksaj, jen ekskluzive virinaj, ili nur kun malfacileco povis vivi, sed reorganizitaj en 1878 kaj leĝe rajtigitaj, ili baldaŭ prosperis. Malgraŭ la fermo de ĉiuj junulinaj duagradaj institutoj en 1886, sub preteksto de « ekzameno de la demando » malgraŭ la interrompo de la universitata vivo dum 1905-1906, la superaj kursoj en Peterburgo havas nun 3.000 studentinojn; ili posedas vastajn konstruaĵojn kun laboratorioj, observejoj, biblioteko, k. t. p. La nuna caro konstruigis internulinejon por 140 junulinoj. Tiuj konstruaĵoj kostis pli ol duonmilionon da Sm. La registaro nur donis 320 Sm. jare por la direktoro; la plej grandan parton de la sumon liveris la pagoj de la studentinoj (100 Sm. jare).

En Peterburgo la superaj kursoj enhavas la fakultatojn de Literaturo, de Sciencoj kaj de Juro. La medicina fakultato estas aparte kaj fariĝis tiel potenca kiel la tri ceteraj kune. Ĝi posedas konstruaĵojn, kies prezo superas 2.000.000 Sm. La lernantinoj estas nombre 3.000 (en 1908).

Moskvo ne restis malantaŭe. La tieaj kursoj havas preskaŭ 5.000 studentinojn kun tri fakultatoj (Literaturo, Scienco, Medicino).

Tiuj kursoj superaj, veraj junulinaj universitatoj, reprezentas la oficialan instruadon, sed flanke ilin kompletigas multaj privataj superaj kursoj (lernejoj de kampara ekonomio, instituto komerca, lernejoj por akuŝistinoj, dentistinoj, k.c.). Ĥarkov, Kiev, Odessa, Kazan, Dorpat posedas similajn kursojn.

Por klarigi tiujn rapidajn progresojn, oni povas elvoki plurajn kaŭzojn : la malrapida, kvankam notinda, disvolvo de l'instruado, de 1861 ; carordono de 1901 donanta al la lernintinoj ĉe la superaj kursoj la rajton instrui ĉe ĉiuj klasoj de junulinaj liceoj, alia ordono pri duonmemstareco de la superaj instruejoj, fine la ekscitiĝo, kiu sekvas la grandajn krizojn. Tamen, tiuj diversaj tialoj ne sufiĉas por pravigi tiun grandegan movadon. Intervenas ekonomiaj faktoroj. La fakto, ke la mizero kaj la neceseco devigas la idojn de multinfanaj familioj laborgajni ilian vivon kaj la abundeco de la gajnigaj oficoj, kiujn en Rusujo haviĝas al la junulinoj supera instruiteco, klarigas ĉi tiun eksterordinaran vizitadon de la kursoj.

La malriĉeco de la rusaj studentinoj estas nekredebla. Multaj filinoj de ruinigitaj nobeloj, de multinfanaj burĝoj, de laboristoj, eĉ de kamparanoj, alvenas apenaŭ kun la mono por la unua enskribo (50 Sm. monate). Aliaj ricevis nur kelkajn Sm, monate; multaj devas vivi per 10 aŭ 20 Sd. tage, kelkaj sin nutras nur per pano kaj teo, iaj eĉ ne povas manĝi ĉiutage. En la grandaj urboj la vivo estas tre kara kaj ankoraŭ plikariĝis en la lastaj jaroj. En Peterburgo aŭ Moskvo studenta ĉambreto kostas 20 Sm. monate. La malfeliĉulinoj serĉas ĉiupreze okupadon : rabatitaj lecionoj, malfacile troveblaj pro la multeco de la proponoj, skribmaŝinaj laboroj po kelkaj Sd., flegado de malsanuloj, k. t. p. Sen tiuj rimedoj la junulino devas rifuĝiĝi en studentinan pensionon (obŝĉejitie aŭ kunvivejo). La oficialaj pensionoj havas severan kontrolon; krome ili taŭgas nur por la malplej malriĉaj (300 Sm. jare). Kelkaj estas fonditaj de privatuloj aŭ de societoj. La studentino ne estas tie libera kaj havas la senton ke ĝi estas je la ŝarĝo de iu. Cetere, malgraŭ la sindonemeco de iliaj membroj, tiuj Societoj havas limigitajn monrimedojn kaj ne povas helpi ĉiujn. Al la junulino tro mizera restas nur aŭ la forlaso de la studoj aŭ la malsato. Ambaŭ okazas. Kiom da studentinoj, junulinoj aŭ junaj patrinoj — la edziĝoj estas fruaj — pereas de anemio, tuberklozo aŭ malfortigo, antaŭ ol ili ricevis la liberigan diplomon, aŭ tuj poste! Monate ĉe la pordo de la superaj kursoj estas longa listo de studentinoj forstrekitaj pro nepago de la enskribo. Tion kaŭzis la mizerego.

Minacata de la ekonomiaj kondiĉoj, la studentino estas ankoraŭ minacata de la politiko reĝima. Ĉia partopreno en sekreta kunveno kaj ĉia kunveno, eĉ familia, ne permesita de la polico, ĉia legado de cenzure malpermesitaj broŝuroj, eĉ ĉia politika kanto, kaŭzas forstrekiĝon, karceron, ekzilon. Post denunco, laŭ simplaj suspektoj, la polico perkvizicias. Dum la nokto, la domo estas sieĝata, la studentino sen; vestigata kaj trapalpata de virinoj, ĝiaj libroj estas ekzamenataj kaj laŭnecese konfiskataj; ŝi mem iras al karcero, kaj tio povas daŭri plurajn monatojn ĝis la juĝado. Tiuj scenoj okazas en la komunaj pensionoj kiel aliloke kaj ĉar pluraj studentinoj kuŝas en la sama ĉambro, ĉiuj partoprenas en la emocioj de sia amikino. Komencitaj noktomeze la perkvizicioj daŭras ĝis la sepa, eĉ pli; ili reokazas ĉiu sessemajne.

Por ke junulino suferu tion, necesas, ke ŝin puŝu la neceseco kaj ŝin subtenu firma espero. La supera instruado ja malfermas la vojon al multaj gajnigaj oficoj. La ĉefaj estas en instruado kaj medicino. Instruistinoj, profesorinoj, je ĉiuj gradoj, estas oficoj por la studentinoj, ne nur en la oficialaj, sed ankaŭ en la privataj institutoj. Granda nombro da ili dediĉas sin al medicino. Rusujo estas tiel granda kaj ĝia loĝantaro tiel trafebla de la malsanoj, ke la nombro de la kuracistoj, precipe en la kamparo, estas ankoraŭ tute ne sufiĉa. Tial la Zemstvo'j (provincaj konsilantaroj) ĉiam postulas gekuracistojn, salajratajn komence je 1.500 ĝis 1.800 Sm.; la flegistinoj, akuŝistinoj, masaĝistinoj estas ankaŭ tre serĉataj. En la urboj la dentista profesio estas grandparte ekzercata de virinoj. Tiel klariĝas la granda vizitado de la superaj kursoj; la instruado, la medicino prezentas rapidan kaj certan gajnon.

Tia granda kaj ne baldaŭ haltonta movado havos profundajn konsekvencojn. Jam okazas nun el tio gravaj ŝanĝoj. Se la difuzo de la konoj postesignas nur ĉe relative malmultaj homoj en la supera instruado ne estas same pri la popolo. Pli ol la instruistino, la medicinistino enpenetras ĉe la kamparanon kaj estimigas sin de ili. Ŝiaj opinioj, simpatioj tiom pli efikas al la simpluloj, ke ŝi post la resaniĝo havas por ili preskaŭ supernaturan karakteron. Pli ol la instruistino, ŝi povas havigi al tiuj kleravidaj homoj elementajn sciojn de higieno, de moralo, de politiko, sanigajn ideojn, novajn konceptojn. Plilarĝigi la kampon de la pensado, varbi la popolamason al progreso, veki ĝian racion, estas samtempe plivastigi la kampon de l'homa agado kaj partoprenigi la popolon en la scienco. Kontraŭ la antaŭjuĝoj, la malklereco, la mizero, tiuj virinoj reprezentas la scion, la abnegacion, la liberecon. La materialaj kaj administraciaj malhelpoj ne povis venki ilian obstinon kaj kuraĝon; iliaj suferoj, ilia martiriĝo, ofte, ilia morto iafoje utilas al la rusa popolo. De nun — kaj ilia rolo nur komencas — la rusaj studentinoj meritas la dankadon de sia nacio (1).

El. G. Cahen, trad. V. G.

(1) Por 126.000.000 loĝantoj Rusujo havas 10 universitatojn ; Svisujo 7 por 3.500.000.

1. El gazeto « *Tour du Monde* ».

## IDEOJ & FAKTOJ

### La Politika batalo tra Granda Britujo

Tiel grava estas la politika krizo en Anglujo ke se iu estus eljetita kvazaŭ el la ĉielo sur ĉi tiujn insulojn, politikaj aferoj konjekteble ekkaptus lian atenton pli ol ĉio. La ĉefkolonoj de la gazetaro estas donataj al la temo, eminentuloj parolas ĉe la plej gravaj komercaj centroj, ĉiu urbo aŭ regiono havas plenĉambrajn kaj entuziasmegajn kunvenojn, muraj anoncoj konfuzas la pensojn kaj rompas la kutiman trankvilecon de vilaĝanoj; dume buboj laŭ la stratoj prikantaĉas; ja estas dankinde ke oni povas deturnigi sin de la preskaŭ ebriigema topiko, enŝovante sin en pli plezuran atmosferon de esperantismo. Klare montri la ĝustan pozicion politikan kaj eviti la disputemecon de tiuj ĉi topikoj estas kompreneble malfacila tasko. Estas neneigeble ke la rezultato de politika disputado havas efikon sur la vivaj kondiĉoj de la popolo, tial ni ne timas malaltigi la idealon de esperantismo uzante senpartieme nian interkomprenilon por montri kelkajn faktojn pri ĉi tumulto.

Ĉiuj proponataj leĝoj estas devigataj gajni la aprobon de niaj du leĝoĉambroj. La malsupera ĉambro estas popole elektita; la supera ĉambro male estas entute heredaĉambro en tio troviĝas grandmezure la kialo de la nuna krizo; la liberala partio, kiu havas grandan plimulton, sendis por la aprobo de la supra ĉambro la edukan kaj la licencan leĝoprojektojn. La unua multe malhelpis la liberecon de infana edukado kaj la alia la bierfaradan industrion, kiu havas tre fortan financan komercon. Ambaŭ renkontis tra la tuta lando potencan opozicion kaj sekve estis eljetitaj de la Lords'. La plej granda emocio tamen estis atingita kiam la supera ĉambro rifuzis la aprobon al la buĝeto antaŭ ne longe proponita post senekzempla diskutado (okaze daŭrinta dum la tuta nokto), en la ĉambro de komunumoj. Eminentuloj tre energie diskutadis por kaj kontraŭ tiu ĉi komplikega problemo. Registaranoj fortike subtenadis siajn proponojn konservante al si la solan argumenton ke ili havas la rajton eljeti eĉ proponitaĵojn financajn kvankam tiu rajto ne estas uzita jam du centjarojn. Ili kontraŭparolas ke la buĝeto, ŝerce nomita « omnibusa », enhavas socialismajn elementojn, aferojn ne precize financajn kaj materialon por apartaj revoluciaj, venĝemaj leĝoprojektoj; plie ili proponas alternativan sistemon de dogan tarifa reformo. Videble do ke tre gravaj estas la ĉefdecidotaĵoj pri kiuj la voĉdonantoj havas la privilegion esprimi siajn opiniojn en januaro.

T. K. H. (Pontefract).

Ĉiuj Esperantianoj uzu la Esperantiajn markojn vendatajn por la centra kaso.

# La Faktoj

Decembro 21. Kopenhago. — La komisiono kiu ekzamenis la dokumentojn de esploristo D-ro Cook informas ke tiuj dokumentoj estas nesufiĉaj por certigi ke li atingis la poluson.

Menagua. — Madriz estas elektita prezidanto de Nikaragva respubliko.

22. Bruselo. — Solena enterigo de reĝo Leopoldo IIa.

Seoul. — Estas mortvundita Yi, unua ministro de Koreujo.

Lisabono. — Estas starigita nova ministraro sub prezidanteco de Beirano.

23. Bruselo. — Alberto Ia supreniras la tronon de Belgujo.

24. Yemen (Arabujo). — Alvenas la informo ke dum vojaĝo de Sana al Thais estis inside mortigitaj markizo Benzoni italo kaj Burkardt germano.

Herrin (Illinois). — Terura eksplodo en karbonminejo. Pereas multaj laboristoj.

26. Hispanujo. — Grandaj superakvoj en multaj distriktoj de la regno.

Mesino kaj Regio de Kalabrio. — Solena rememorigo de la unua datreveno de la terura tertremo.

New-York. — Pro la forta malvarmo pereas 33 personoj.

Bruselo — Belga deputataro pritraktas pri apanaĝo de la nova reĝo.

29. Londono. — La unua centjarfesto de la naskiĝo de Gladstono estas solenigita en la tuta regno.

Parizo. — Deputatĉambro aprobas pruntajon da 900 milionoj por la pli beligo de Parizo.

30. Napolo. — Oni solene donas rememorigan medalon al la fremdlandaj ŝipoj kiuj donis helpon dum la Kalabra-Sicila tertremo.

Firenco. — En la Galerio de la Oficejoj oni inaŭguras la novajn salonojn de la aŭto-portretoj kaj de la presitaĵoj.

Parizo. — Senato aprobas la elspezon por aĉeti palacon Farnese, sidejo de la franca ambasadorejo en Romo.

31. Konstantinople. — Hakki Bey estas komisiita starigi novan ministraron.

2. Romo. — Akcepto en kapitolo de esploristo Shackleton. Ĉe la akademio de la Linĉeoj oni solene rememorigas Antonon Dohru fondinto de la zoologia stacio de Napolo.

Ĉiuj grupoj devas eldoni Gvidfolion.

Por konigi U. E. A. uzu la nacilingvajn propaganditojn (france, germane, itale, hispane, ruse).

Ĉiuj Esperantianoj repagu sian kotizaĵon por 1910.

---

FELIETONO DE « ESPERANTO »

3

# LA KATO

de Dro Johano RAJBERTI

*Indiferenteco de la kato por ĉiuj publikaj kaj privataj okazintaĵoj.*

La Kato, kiel mi diris nek ĉefas nek obeas : pro tio ĝi ne enmiksiĝas en ian ĉu publikan ĉu privatan negocon, malsimile de la ĉevalo, de la hundo kaj de aliaj hejmaj bestoj. La ĉavalo komencis iafoje sin lasi altiri en la bataladojn kaj de tiam ĝi ne povis plu eviti la rekrutiĝon. (Ankaŭ la elefanto, antikve dediĉiĝis al la arto de la militado. Sed poste, eble tro multe grasiĝinta, estis taksita kiel invalida, kaj nun ĝi ne havas aliun talenton ol tiun malgravegan esti besto de granda talento : tial, glora kaj senutila kiel poeto, ĝi estas malaltigita en la allogbudetojn de la foiroj por taŭgi kiel spektaklo al la popolaĉo kiu almenaŭ unu fojon deziras observi tiun bestegon).

La ĉevalo ja malŝparas sian vivon sur la glorkampo, kondukas la almilitantojn dum la triumfo, enmiksiĝas en la diplomatio kaj en la burokrataro veturigante ministrojn al la kortegoj, deputatojn al la ĉambro, kaj la riĉajn oficistojn al la oficejoj. Pri la privataj negocoj, ĝi el la landaŭo de la milionulo al la malmola ĉareto de la kampara kuracisto, el la flama kurĉevalo, al la kripla ĉevalaĉo, kuras kaj ŝvitas por ĉiuj; ĝi vin trenas, vin portas, vin servas en ĉiuj cirkonstancoj de la vivo.

La hundo, vere, ne havas direktan rolon en la okazintaĵoj de l'patrujo; sed tiu sin altrudo ĉien eĉ en la preĝejojn, tiu speco de publika vivo kiun ĝi travivas sur la placoj kiel la antikvaj romaj urbanoj, tiu kurado tiel ofte serioza kaj fervora tra la stratoj, kiel persono kiu ne havas minuton por perdi en malgravaĵoj, ĉio ĉi kredigos ke oni ne povas fari ion sen ĝi. Hejme la hundo estas ĉio : gardisto, defendanto, servisto, amiko : ĝi afable akceptas la familiulojn, bojas al la fremduloj kaj al la almozuloj, ĉagreniĝas kaj perdas la apetiton pro la forestado de la mastro : kiam li mortas preskaŭ ĝi mem mortas pro la doloro (ĝuste en la momento kiam la nekonsoleblaj heredantoj komencas ricevi la feliĉon); fine ĝi estas la vera senesperulo pro troeco da bonkoreco.

Sed la kato ho ve! Ĝi ne farus unu paŝon preter la pordon por vidi papon aŭ reĝon kiuj pasas, kaj ne donus la voston de unu muso por efektivigi la respublikon de Platono. Se en ĝia strato mem okazus eksterma batalado, ĝi ne ĝeniĝos por proksimigi la buŝeton al la rando de la tegmento por vidi kio okazas. Se la tuta familio al kiu ĝi apartenas mortas pro infekto, ĝi ne dormos pro tio unu minuton malplie, kaj se la domo brulas, ĝi rifuĝos sur la najbaran por el tegmenta fenestreto ĝui la spektaklon. Ho kia nekonfuzebla animo! Ho kia promenanta filozofia sistemo! Kion pli bone instruis la stoikuloj, kiuj eble elĉerpis el la studo de la Kato la plej bonajn regulojn de sia skolo! Mi, kiu, kiam estas tentata malfermi filozofian libron, kutime, post du paĝoj ekkrias : Ho kia besteca filozofo, ĉiufoje kiam mi pensas al la virtoj de la Kato mi krias : Ho kia filozofia besto!

Eble iu diras ke tiu ĉi estas filozofio de indiferenteco kaj egoismo. Ĉu ĝi ĉesos esti filozofio kaj tre disvastigita kaj ŝatata?

La konvinkoj tute ne rilatas la korinklinojn, eĉ ilin kontraŭstaras kaj detenas; kiam maniero konsideri kaj agadmaniero devenas el *principoj* kaj fariĝas *sistemo*, la koro kaj eĉ la saĝo ne havas rilaton. Fakte ĉia granda malspritaĵo estas facile pravigata per la sola vorto : *opinioj*.

*La Kato vera dommastro*

Ĉar la Kato amas nur siajn proprajn kutimojn, ĝi inkliniĝos prefere al la domo en kiu ĝi naskiĝis ol al la personoj meze de kiuj ĝi vivas. Se tiuj ĉi translokiĝas, ĝi ordinare restas kun la novaj enloĝantoj, kaj por principo ne aprobas la Sanktan Miĥelon (1). se ne pro tio ke ĝi provizas sufiĉegan ĉason de musoj. Do ĝi loĝas en sia propra domo, en sia propra domo, en sia patrina domo, kies konklude ĝi estas la vera kaj absoluta mastro. Kaj mi ne serĉas. Por kiu alia, vi opinias, ke pli bone taŭgus tiu ĉi titolo? Ĉu al tiu kiu ĝin aĉetis? La malfeliĉa pagas la imposton kaj la surimposton, kaj alian takson se ĝi volas ĝin asekuri kontraŭ la brulado, kaj li devos senti de la loĝantoj cent plendojn kaj minacojn kaj maldiskretajn pretendojn; kaj por ne vidi la domon difektiĝi kun la rapideco de maljuniĝanta virino, ĉiam devas dependi de la ĉefmasono, de la masonoj, de la forĝistoj, de la lignaĵistoj; iafoje perdi la luan pagon, aliafoje esti devigata uzi la plej malamajn perfortojn por ilin enkasigi; kaj de tempo al tempo, kiel por diversiĝo, esti trenita kontraŭ volo en iun furiozan pledon por atenco al la posedo.

Vi, literaturistoj kaj poetoj, ja estas saĝaj ĉar vi konservas vin liberaj de tiaj enuoj; fakte laŭ mia opinio sufiĉas la duono de tiom da malagrablaĵoj por ke la tiel dirita mastro de la domo devus anstataŭe esti nomata la humilega servisto de ĝi; kaj la geniuloj ne devas jam servi aliajn ol la proprajn inspirojn. Ĉu ni nomos mastroj la luantojn? Ho kompatindaj malfeliĉuloj, kiuj pagas terurajn duonjarajn impostojn por havi la rajton ne dormi meze de la stratoj! kiuj pro kruelaj kontraktoj ne povas resti aŭ foriri laŭ sia plaĉo! Ili povas plendi pro la kameno kiu donas fumon, pro la fenestroj kiuj donas venton, pro la keloj aŭ subtegmentoj kiuj donas akvon, pro la puto kiu liveras koton, pro la pavimo kiu sendas polvon, pro la muroj kiuj liveras cimojn, kaj neniam ili ricevos antaŭrimedon. Konfesu unu fojon por ĉiam tiun ĉi grandan veron, ke la sola kaj vera dommastro estas la Kato : ankaŭ pro tio ke ĝi estas la sola kiu plene ĝuas kaj loĝas ĝin de la skribejo ĝis al la manĝajejo, de la kelo al la tegmento, de la remizo al la fojnejo, de la malhela subŝtuparo al la aerumota ĝardeno, kie ĝi grimpas sur la arbojn, rondiras sur la vinberujojn, promenas sur la muretojn. Ĝi suriras sur ĉiujn lokojn neatingeblajn de la homo, sur la kolombejon, sur la tegmentan defluilon, sur la suprojn de la kamentureto, sur la duonbriko de atenda muro kondiĉe ke estu sufiĉe da spaco por kvar alproksimigitaj piedetoj : kaj kiam vi vidas ĝin kiu sin rapuŝas, alfariĝas, kuras en iu loko maloportuna, malfacila, aŭ danĝera, kaj vi ekdeziras scii kial ĝi iras tien, kalkulu ke ĝi iras por la sola motivo ke ĝi estas mastro tien iri, kaj ke ĝi pli aŭ malpli volas ĝui sian hejmon.

*Danĝeroj kiujn ĝi renkontas sur la tegmentoj kaj ĝiaj faloj*

Sed kion ja mi diris pri danĝeraj lokoj? La danĝeroj, en tia ordo de aferoj estas ĉiuj por ni, malbonaj kalkulantoj de la malfacilaĵoj, igitaj timemaj kaj alkondukitaj de la imago al la sufero de la kapturniĝo tiel ke ni kredus superi grandan provon, promenante malfacilmovaj kaj terurigitaj sur vojeto larĝa unu metron, flankumita de krutegaĵoj. Sed la kato, kiu agas kun spirito kvieta, al kiu la delikateco de la sentoj donas la ĝustan kriterion de la ekvilibro, ne sentas tiujn ĉi danĝerojn kaj timojn. Se io ne estas farebla ĝi ne eĉ tion provas; se tio estas apenaŭ farebla, ĝi plenumos tion kun certeco, dank'al mirinda precizeco de siaj movoj. Observu ĝin. Ĝi volas plenumi kuraĝan salton de iu tegmento sur alian pli altan. Elektinte la plej bonan lokon, ĝi momente haltas mezurante per rigardo la altecon kiun ĝi volas superi. Mankas la materieco de la nigra tabulo kaj de la grifelo, tamen estas vera matematika kalkulo, ekvacio inter ĝiaj propraj muskolaj fortoj kaj la alteco de l'salto. La problemon favore solvitan, ĝi kuras por doni al si risortiĝon kaj faras la salton per fortelspezo tiel prudenta kaj ŝpara ke ĝi ne atingas eĉ punkton pli malproksime de la antaŭfiksita celo. Ho ne, neniam timu por la Kato, ĉar ĝi ĉiam scias kion ĝi faras, ĉu ke ĝi rondiras inter labirinto de granda amaso de lignoŝtipoj aŭ inter malnovaj ilaroj amasigitaj en la subtegmento; ĉu ke ĝi promenas inter la rubaĵoj kaj la rompaĵoj de konstruaĵo disfaligita kiel iam Kajo Mario en Kartago. Konklude ne ekzistas supraĵo malegala, interrompita, trompiga kiu ĝin enkondukas en danĝeron, ĉar ĝi, granda majstro pri singardemo kaj antaŭzorgo, marŝas per piedo malpeza kaj apenaŭ apogita, kaj se tiu esploranta piedeto ne sentas sub si la necesan necedemon, ĝi retiras ĝin antaŭ ol konfidi al ĝi la pezon de sia korpo. Ho ve, se sammaniere ni homoj lernus de ĝi ne fari falsajn paŝojn en la vojiro de de l'vivo, kiom malpli da eraroj kaj pentoj!

(*Daŭrigota.*)

Tradukis A. Tellini.

(1) Sa Miĥelo okazas la tagon 8-an de majo en kiu en Milano kaj Lombardujo oni transloĝiĝas.

# Homara Dataro

*16-31 JANUARO 1910*

16. Festo de la Konsento aŭ de la bona harmonio inter la samurbanoj de antikva Romo. — 1769 naskiĝas en Verono itale verkisto frato Antono Cesari. — 1886. Mortas en Milano Almilkaro Ponchielli, komponisto de opero *Gioconda*.

17-1749. Naskigas en Asti (Piemonto) tragediisto Viktoro Alpieri. — 1793. Konvencio kondamnas je morto reĝon Ludovikon XVIan, Capeto.

1873. Mortas romanverkisto Sir Edw. George Earl Lytton Bulwer el Haydon (naskiĝinta en 1805).

19-1600. Naskiĝas en Madrido dramverkisto kaj poeto Don Pedo Calderon de la Barca (mort. 15/5 1681). — 1736. Naskiĝas Jakobo Watt elpensinto de la vapormaŝino.

20. La suno eniras en la konstelacion de l'Akvoverŝanto. — 1743. Mortas filozofo Johano Baptisto Vico el Napolo. — 1907. Mortas en Milano lingvisto Graciadio Ascoli el Gorico.

22-1561. Naskiĝas Francisko Bannomita el Verulamio (mort. 9/14 1626) el Londono, ŝtatisto 1895. — Mortas en Madrido poeto Josefo Zorilla. — 1901. Mortas Klaudio Chappe el Brûlon, departemento Sarthe (naskiĝinta en 1763) elpensinto de la optika aera telegrafado (unua linio 1793). — 1883. Mortas desegnisto Gustavo Doré.

21-1778. Kapitano Cook malkovras la insularon Sandwich. — 1871. Mortas romanverkisto Ponson du Terrail.

25-1077. Imperiestro Henrigo IV piediras nudpieJe al Canossa antaŭ papo Gregoro VII por havigi la neniigon de la ekskomuniko. — 1626. Naskiĝas en Lismore fizikisto Roberto Boyle (mortinta 30/12 1691).

